21 Juin 1908. | 21a Junio 1908. 88a NUMERO. 6a JARO, 21a numero. | 21n Juni 1908.




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,

53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

**JARKOLEKTO : 6 FR.**

ENHAVO.

Evolucio libera aŭ akademio.
Programo de la IVa Kongreso.
Pacaj batalantoj !
Dokumentoj.
Kroniko de la grupoj.
Tra la Mondo Esperantista.
Amikejo.

Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

# Règles grammaticales de l'Esperanto.

### Alphabet — Prononciation.

A, B, C = ts (tsar), Ĉ = tch (tchèque), D, E = é (été), F, G dur (gant), Ĝ = dj (adjudant), H aspiré, Ĥ = h guttural, son mixte entre le h et le k (très rare), I, J = y (yeux), Ĵ = j (jour), K, L, M, N, O, P, R (un peu roulé), S (sifflant), Ŝ = ch (chat), T, U = ou, comme dans bouche, Ŭ = ou, comme dans oui, V, Z.

Toutes les lettres conservent toujours leur son alphabétique et doivent toujours se prononcer séparément, sauf les 2 diphthongues *aŭ* et *eŭ*.

***

*Règle 1.* L'Esperanto n'a qu'un article défini *la*, invariable. Il n'a pas d'article indéfini.

*Règle 2.* Le substantif se termine par *o*. Le pluriel se forme par l'adjonction de *j*. — Le complément direct se marque par la terminaison *n* :

*La patro, la patroj.*

Complément direct : *La patron, la patrojn.*

*Règle 3.* L'adjectif se termine par *a* et suit les règles du substantif : *patra, patraj, patran, patrajn.*

*Règle 4.* Les adjectifs numéraux cardinaux sont invariables : *unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, mil.* Ces adjectifs peuvent s'employer substantivement et adverbalement : *trio, sepe.*

*Règle 5.* Les pronoms personnels sont : *mi* (je, moi), *ci* (tu, toi, peu usité), *li* (il, lui), *ŝi* (elle), *ĝi* (il ou elle pour les animaux et les choses), *si* (soi), *ni* (nous), *vi* (vous), *ili* (ils, elles).

*Règle 6.* Les terminaisons verbales sont au nombre de 12 : infinitif *i* : *fari* = faire ; présent *as* : *mi faras* = je fais ; passé *is* : *vi faris* = vous faisiez, vous avez fait ; futur *os* : *ili faros* = ils feront ; conditionnel *us* : *ŝi farus* = elle ferait ; impératif *u* : *faru* = fais, faites ; *ni faru* = faisons ; *ili faru* = qu'ils fassent.

Participe actif : présent : *ant* : *faranta* = faisant ; passé *int* : *farinta*=ayant fait ; futur *ont* : *faronta*=devant faire, qui fera.

Participe passif : présent *at* : *farata* = étant fait ; passé *it* : *farita* = ayant été fait ; futur *ot* : *farota* — devant être fait, que l'on fera.

Verbe auxiliaire unique *esti* = être.

*Règle 7.* L'adverbe est caractérisé par *e*.

*Règle 8.* Toutes les prépositions régissent le nominatif.

*Règle 9.* Chaque mot se prononce absolument comme il est écrit.

*Règle 10.* L'accent tonique se place toujours sur l'avant dernière syllabe.

*Règle 11.* Les mots composés s'obtiennent par la réunion des éléments qui les forment. Le mot fondamental se met toujours à la fin.

*Règle 12.* S'il y a dans la phrase un autre mot de sens négatif, l'adverbe « ne » se supprime.

*Règle 13.* Si le mot marque le lieu où l'on va, on le termine par l'*n* de clarté, à condition qu'il ne soit pas précédé d'une préposition.

*Règle 14.* Chaque préposition possède un sens immuable qui en fixe l'emploi. Si le choix de la préposition ne s'impose pas clairement on fait usage de la préposition *je*.

*Règle 15.* Les mots internationaux ne changent pas en Esperanto; ils en prennent seulement l'orthographe: théâtre=*teatro*.

*Règle 16.* Les terminaisons des substantifs et de l'article peuvent se supprimer et se remplacer par une apostrophe dans certains cas.

# Spraakkundige regels van het Esperanto.

### Alphabet — Uitspraakleer.

A, B, C = ts (tsar), Ĉ = tch (fr. tchèque), D, E (half lang) F, G, Ĝ = dj (adjudant), H, Ĥ = ch, I, J, Ĵ (fr. jour), K L, M, N, O, P. R, S, Ŝ (fr. chat), T, U = oe (boer), Ŭ = w, V, Z.

Al de letters behouden steeds hun alphabetischen klank en moeten altijd uitgesproken worden, behoudens de tweeklanken *aŭ en eŭ.*

***

*Regel 1.* Het Esperanto heeft slechts een bepalend lidwoord *la*. Er bestaat geen niet bepalend lidwoord.

*Regel 2.* Het naamwoord gaat uit op *o*. Het meervoud wordt gevormd door bijvoeging van *j*. Het voorwerp wordt aangeduid door de bijvoeging van *n*.

*La patro, la patroj.*

Voorwerp : *La patron, la patrojn.*

*Regel 3.* Het hoedanigheidswoord gaat uit op *a* en volgt de regels van het naamwoord : *patra, patraj; patran, patrajn.*

*Regel 4.* De grondgetallen zijn onveranderlijk : *unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, mil.* Deze grondgetallen kunnen als naamwoord en als bijwoord gebruikt worden *trio, sepe.*

*Regel 5.* De persoonlijke voornaamwoorden zijn : *mi* (ik, mij), *ci* (het oude du, dich), *li* (hij, hem), *ŝi* (zij, haar), *ĝi* (het), *si* (zich), *ni* (wij, ons), *vi* (gij, u), *ili* (zij, hem).

*Regel 6.* De uitgangen der werkwoorden zijn ten getale van 12 : Noemvorm *i* : *fari* = doen ; tegenw. tijd *as* : *mi faras* = ik doe ; verl. tijd *is* : *vi faris* = gij deedt, gij hebt gedaan ; toek. tijd *os* : *ili faros* = zij zullen doen ; voorwaardelijke wijze *us* *ŝi farus* = zij zou doen ; gebiedende wijze *u* : *faru* = doe, doet ; *ni faru* = laat ons doen ; *ili faru* = dat zij doen.

Bedrijvend deelwoord : tegenw. tijd : *ant* : *faranta*=doende verl. tijd *int* : *farinta* = gedaan hebbende ; toek. tijd *ont*: *faronta* = zullende doen.

Lijdend deelwoord : tegenw. tijd *at* : *farata* = gedaan (wordend); verl. tijd *it* : *farita* = gedaan (zijnde); toek. tijd *ot* : *farota* = zullende gedaan worden.

Eenig hulpwerkwoord : *esti* = zijn.

*Regel 7.* Het bijwoord is gekenschetst door *e*.

*Regel 8.* Al de voorzetsels vorderen een nominatief.

*Regel 9.* Ieder woord wordt volstrekt uitgesproken zooals het geschreven staat.

*Regel 10.* De klemtoon valt altijd op de voorlaatste lettergreep.

*Regel 11.* De samengestelde woorden worden bekomen door de vereeniging van hunne bestanddeelen. Het grondwoord wordt steeds achteraan geplaatst.

*Regel 12.* Indien in den zin een ander woord met ontkennende beteekenis voorkomt wordt het bijwoord « ne » weggelaten.

*Regel 13.* Indien het woord de plaats aanduidt waarheen men gaat, voegt men er de *n* van duidelijkheid bij, op voorwaarde dat het niet van een voorzetsel voorafgegaan zij.

*Regel 14.* Ieder voorzetsel heeft eene onveranderlijke beteekenis die er het gebruik van vaststelt. Indien de keuze van het voorzetsel niet klaar genoeg bepaald is bedient men zich van het voorzetsel *je*.

*Regel 15.* De internationale woorden veranderen niet in het Esperanto ; zij nemen er slechts de schrijfwijze van aan : theater = *teatro*.

*Regel 16.* De uitgangen van het naamwoord en van het lidwoord kunnen weggelaten en in sommige gevallen door een afkappingsteeken vervangen worden.

21 Juin 1908. 21ª Junio 1908. 88ª NUMERO. 21ⁿ Juni 1908.
6ª JARO, 21ª numero.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

## EVOLUCIO LIBERA AŬ AKADEMIO.

Sinjoro Boirac rompante intertraktadon kun la Delegacio, skribis al sinjoro Ostwald, prezidanto de la Konstanta Komisio : « Ni intencas fari ŝanĝojn en Esperanto, se estas necese, nur iom post iom, niatempe kaj laŭ niaj metodoj. »

Estas tute evidente, ke ni mem faros iam ŝanĝojn, ĉar neniu povas haltigi la progresadon. S^ro Bastien, en la antaŭparolo de sia naŭlingva leksikono, diras : « La homo, kiu estus sufiĉe potenca por starigi limojn ĉirkaŭ unu lingvo, por glaciigi tian flekseblan kaj knedeblan materion en blokan rigidecon, tiu homo ĝin mortefrapus kaj, baldaŭ eble la popolon, kiu ĝin parolas. »

Ni faros ŝanĝojn laŭ *niaj metodoj ?* La vorto metodo signifas procedo racia, sistema, didaktika, kaj mi opinias kun S^ro Boirac, ke nur metode oni povos plibonigi Esperanton.

Kontraŭa teorio, tre energie defendata de S^roj Cart kaj Corret en « Lingvo Internacia » estas la teorio de la libera evolucio, natura evolucio : « Neniam oni povos sisteme, didaktike enkonduki ian ŝanĝon. La Akademioj aŭ komitatoj ne povas proponi ian ŝanĝon, novan esprimon, novan formon aŭ neologismon ; nur privataj aŭtoroj povos ilin ekuzi. Se la nova esprimo eniros en la ĝeneralan uzadon, tion povos poste nur konstati la akademioj aŭ komitatoj ». Por tia celo, nur konstati, ni ne bezonas grandenombran Lingvan Komitaton : facile la popolo mem konstatos. D^ro Zamenhof diras, ke nia lingvo devas disvolviĝi, ne ĉiam resti rigida, ĉar nia lingvo havas la plenan eblon ne sole konstante riĉiĝadi, sed eĉ konstante pliboniĝi kaj perfektiĝadi (Fundamento, p. 9ª). Ĉiuj konsentas, ke Esperanto bezonas disvolviĝadon. La malkompreniĝo komencas, kiam anstataŭ *disvolviĝado*, oni uzas la vorton *evolucio*. La vorto evolucio estus tre ŝatata de la fabrikantoj de vortaroj, sed pli ol cent vortarojn la Esperantistaro preferus nur unu oficialan vortaron, tio estas la plenigado de la Universala Vortaro, laŭ Zamenhof'a metodo : radikoj laŭ la plej granda internacieco estus elektotaj de kompetentuloj, kiuj laborus ne por unu nacio, sed por la tuta Esperantistaro. Tio estus labori sisteme, didaktike, logike; tio estus daŭrigi la vojon sukcese montritan de Doktoro Esperanto. El Parizo oni protestas : tio estas revolucio ! Ĉu estas argumento nomi revolucianoj la personojn, kiuj ne konsentas kun vi ? Estas tre facile enŝolvi en deklaracion de fideleco al Zamenhof kelkajn lertajn vortojn kiel *evolucio natura* kaj, je la nomo de la subskribintoj, ekskomuniki la personojn, kiuj ne konsentis subskribi, kvankam fidelaj, pro dubasencaj vortoj. aŭ kiuj nur petis pri klarigoj. La deklaracioj de fideleco kun esprimoj altruditaj per minaco, estas tre ofendaj; la minacantoj elvokas de amikoj liberemaj, akrajn respondojn, kiuj disigas unujn de la aliaj. Stranga evolucio por nia samideana frateco !

Sed kio do estas evolucio en lingvo ? Lingvo estas esprimado de la homa penso. Ĉio, kio helpas al la elmontro de la penso estas lingvo; sed pli precize la lingvo estas signaro elparolata aŭ skribata por kompreniĝi. Laŭ Withney, profesoro de sanskrito kaj de filologio komparata en Usono, la lingvo estas nek potenco, nek fakultato : « Ĝi estas ne la ekzerco « senpera de la penso, sed nur instrumento, pera « kreaĵo de la penso. Ĉiu lingvo estas institucio « pereema, ĉe ĉiu popolo, eĉ ĉe ĉiu individuo. Estas « societoj, ĉe kiuj la lingvo estas enfermita en la

« limoj de la raso; ĉe aliaj la lingvo estas tute « pruntita de rasoj fremdaj. Ĉiu lingvo povas, kiel « aliaj aĵoj, esti ŝanĝata, ĉien translokata. Por « multaj personoj, kiuj lernas supraĵe, aŭ tra antaŭ- « juĝoj, tio estas vidpunkto malmulte ŝatinda, sed « la ekzamenado de mi farita montras, ke nenio « estas pli vera. » Do ne ekzistas lingvo vere *natura*, tio estas propra al la tuta mondo, eĉ al speciala raso. La karakteroj fizikaj de la raso nur per sango estas transigeblaj, sed la akiraĵoj de la raso, lingvo, religio, scienco povas esti pruntitaj. Angla lingvo estas de ĉiuj rasoj elparolata; infano nigrula kaj infano blankula parolas tute simile, se ili ricevas, de naskiĝo, la saman lingvan instruadon. En gramatiko, ordo natura signifas ordo logika; en filologio, lingvo natura signifas lingvo nacia. La vorto *natura* erarigas multajn personojn, kiuj opozicias « natura » al « artefarita », kvazaŭ naturo estus la mondo, la universo. Anstataŭ diri lingvo natura kaj lingvo artefarita, oni devus diri lingvo nacia kaj lingvo nenacia. Se oni nomas natura unu aĵo propra al la tuta homaro, nur lingvo artefarita povas esti natura. Por pli klare paroli, niaj kontraŭuloj devus diri evolucio libera, kaj de nia flanko ni diros, pro opozicio, evolucio metoda.

Evolucio devenas de latina vorto, kiu signifas malvolvi. Lingvo naskiĝas kaj malvolviĝas kiel folio de arbo. Simile al folio, ĝi iradas la rondon de sia malvolviĝado ĝis la aŭtuno. La aŭtuna vento velkantajn foliojn deŝiras kiel en arbo, tiel en lingvo.

Niaj naciaj lingvoj finis sian propran malvolviĝadon; de longatempe ili trafis sian apogeon kaj nun ili sin intermiksas unu aliajn, aŭ disfalas en apartajn dialektojn. Laŭ Max Muller « La lingvoj riĉiĝitaj de « multaj vortoj evolucias per multaj ŝanĝoj de « finiĝo; la duoblaj sencoj multiĝas, la formoj de la « radikoj sanĝiĝas, multaj parazitaj formoj enkon- « dukiĝas apud la regulaj kaj malnovaj. La lingvoj « iĝas *instrumentoj tre delikataj, kiujn la popolo « neklera povas uzi nur ilin difektante.* Fine dialektoj « disigas la lingvon kaj la fremdaj esprimoj plenigas « la konfuzaĵon. » La vortoj perdis la puran etimologion: devena radiko, malnova finiĝo ofte estas nerekoneblaj. Ĉiu popola aro difektis la lingvon, ŝanĝinte la literojn aŭ sonojn laŭ sia propra gusto.

Iafoje, konservinte la vorton, ĝi ŝanĝis la unuan signifon aŭ alportis novan sencon. La loko, la klimato, la diversspecaj cirkonstancoj de la vivo altrudis iom post iom vortojn kaj formojn ŝatatajn en unu lando, malŝatatajn en alia. Tia estas la evolucio, iatempe malvolviganta, aliatempe malkreskiganta; tiel lingvo nekonscie riĉiĝas aŭ difektiĝas. Evolucio dependas nek de leĝo, nek de la homa interkonsento. Oni nomas ĝin natura. Sed tie ĉi, kiel ni diris, ni opozicias natura al artefarita, kiel oni opozicias en leĝo franca « enfant naturel » al « enfant légitime », montrinte ke *natura* ne signifas *regula*, nek *logika*. Kvankam Esperanto ne estas lingvo *natura*, ĉu tamen ĝi devas evolucii *nature*, tio estas kiel la *lingvoj naciaj?* Jes, diras « Lingvo Internacia ». « Esperanto arte naskiĝis, ĝi fariĝis *lingvo vivanta* « kiel la naciaj: ĝi nun nature vivos kaj nur laŭ « natura vojo nun devas mem evolucii. Sanĝojn, « plibonigojn eĉ ne rajtas fari D<sup>ro</sup> Zamenhof mem, « aŭ L. K. »

Feliĉe ne estas vere, ke Esperanto fariĝis kiel naciaj lingvoj! Feliĉe ĝi restis preskaŭ tia, kia ĝin naskis D[ro] Zamenhof. *Evolucio natura* neniel ĝin difekt s. Radikoj novaj, afiksoj novaj estis kreitaj nur de kelkaj scienculoj aŭ profesoroj. Nia *popolo* ne kuraĝis uzi *liberan evolucion*, kaj senĉese ĝi postulis sisteman daŭrigon de la vortaro. Ni havis la prudenton ne sekvi la evolucianojn. Nia esperanta folio eliris el burĝono artefarita kaj ne povas malvolviĝi kiel arba folio, kiu *nature* malvolviĝas, kaj baldaŭ *nature* velkiĝas kaj teren falas. La logikeco estos pli daŭra ol tiu natureco. Esperanto ne difektiĝos post somero; ĝi ĉiam konstanta trairos la vintron, konservante sian verdan koloron.

Ne estas eble, ke ni permesu, ke *natura* sekve blinda kaj mortiga evolucio trudu al Esperanto la naciajn riskojn. En landoj, kie la komunikaj rimedoj estas multaj, kie la loĝantoj ĉiutage interparolas, la natura evolucio ne estas danĝera, eĉ se la vortoj perdis la veran sencon, la bonan elparoladon; eĉ se la radikoj kaj la finiĝoj estus tute difektitaj, oni povas nune interkompreniĝi, kvankam la ava lingvo jam ne estas komprenebla. Sed ĉar ĉiu lando havas sian propran evolucion, ĉar ĉiuj nacioj evolucias nek samtempe, nek sammaniere, ne ekzistas evolucio internacia, sed apartaj evolucioj tute malsimilaj. Ĉiu regnano, kiu volus elpensi novan vorton, elektus radikon ne la plej internacian, sed la kiel eble plej taŭgantan al sia propra oportuneco, konforman kun la spirito de sia nuna evolucio, dependantan de la lokaj cirkonstancoj.

Ĉu aparta esperantisto povas facile sin liberigi de tiaj cirkonstancoj? Ĉu aŭtoro, eĉ fama, povas sin internaciigi sufiĉe por elekti vorton tiel bone, kiel internacia komitato? Se la vorto kreita aŭ elektita de aparata esperantisto mankas en la « Universala Vortaro », tuj ĝin oni enkondukas en nacian vortaron. Ĉu oni ne elĉerpas tiel la novajn vortojn de niaj verkistoj? Enkondukita en ian vortaron, la vorto, bona aŭ malbona, internacia aŭ nacia, estos uzata de la aĉetantoj de la vortaro. Aliaj fremdaj vortaristoj rekopios ĝin aŭ elektos alian.

En la unua hipotezo la vorto, *devige*, internaciiĝos, sen konsento de la internacieco, kaj ĝi estos eble iam tre maloportuna. En la dua hipotezo, la aĉetantoj de la diversaj vortaroj sin ne interkomprenos. Jam tio okazas ĉe la nunaj vortaroj.

D[ro] Zamenhof respondante al S[ro] Capé kiu timis pri la *malegaleco de vortoj* diras: « Ĉiufoje kiam « aperas nova eldono de vortaro en ia lingvo, ĝi « enprenas en sin ĉiujn novajn vortojn kiuj ekzistas « jam en aliaj vortaroj, kaj tiamaniere la vortaroj « tute ne diferencas inter si... » « Se la Esperant- « istoj per reciproka konsiliĝado venus al komuna « interkonsento, ke la novaj vortoj devas esti evit- « ataj aŭ anstataŭigataj per aliaj, mi nenion havos « kontraŭ tio ĉi. » Sed ve! Tia rimedo venus tro malfrue, ĉar kiel diras tre prave S[ro] Aymonier (L. I., 1906, p. 570)! « Ĉiu nova eldono de la vort- « libroj donas novajn vortojn: ĉu do ni devas aĉeti « ĉiujn eldonojn de ĉiuj diversnaciaj vortlibroj por « koni la plenan vortaron? Ĉu L. K. ne povus « periode publikigi liston da novaj aprobitaj vortoj « kun traduko en la diversnaciaj lingvoj? »

Simila estas la demando de S[ro] P. Corret (L. I., 1907, p. 37).

Jam, en komenco de 1905, S[ro] C. Bourlet skribis:

« Esperanto devas esti farata de la esperantistaro, « sed *ne libere* sed sub aŭtoritata *kontrolo*... Oni « devas malpermesi al la vortaristoj ke ili *fabriku* « mem novajn vortojn... Kiam oni malfermas niajn « vortarojn. oni, kun ĉagreno, konstatas ke ili jam « diferencas ne nur pri sencoj de vortradikoj sed « ankaŭ pri la vortradikoj mem. » Li citas *cikado, cikalo, cigado; latugo, lagtuko, latuko, laktuko*. Li ne konis jam la formojn triopajn kiel *redakti, redaktoro, redakcio; iniciati, iniciatoro, iniciativo*, k. t. p.. Li ne konis jam la formon *cio* lastatempe eldonitan flanke de niaj fundamentaj vortoj: *deklari, deklaracio; direkti, direkcio; proskribi, proskribcio; induko, indukcio; vario, variacio*, k. t. p. « Jam de longe niaj « kontraŭdirantoj trumpete anoncis ke tuj kiam « Esperanto iom disvastiĝos, ĝi disfalos ĉar nask- « iĝos tiom da dialektoj kiom da popoloj. Se ili « estus lertaj kaj laboremaj, ili *jam de nun* zorge « esplorante la diversajn vortarojn, povus konstati « kelkajn malsamaĵojn en ili, kaj, grupante tiujn « diferencojn, ili povus jam de nun komenci fortegan « batalon, kiu treege malutilus nian belegan « nunan progresadon...

« Ni do, karaj samideanoj, ne atendu ke niaj « malamikoj eltrovu la akneton kiu aperis sur la « sana haŭto de Esperanto por ĝin ni mem for- « tranĉi !

« La sola rimedo por tio estas fondo de *grava* « *internacia komitato* por severe observi la unuecon « de nia lingvo. » (S<sup>ro</sup> C. Bourlet, L. I., 1905, p. 17).

Sammaniere rezonis en 1904 S[ro] Hodler (L. I., p. 372) : « La fremdaj vortoj eniras la vortaron kiam « ili estas internacie uzataj, kun nenia ŝanĝo krom « fonetika ortografio. La demando staras nun tia : « kia estas la necesa internacieco ? Tiu disputo « provigas la necesecon de rajta aŭtoritato, kiu « zorge decidus pri novaj esprimoj kaj samigus tiel « diversnaciajn vortarojn. Sed por tio oni ne devas « atendi longege se oni ne volas ke regu konfuzeco « kaj malsameco. »

Ĉu popolanoj elektante vorton povas sekvi la kvar regulojn proponitajn de S[ro] Capé :

« 1[e] Elekti laŭ principo de la internacieco;

« 2[e] Tre zorge kompari kun aliaj tradukoj en « diversaj lingvoj;

« 3[e] Doni sencon en ĉiuj lingvoj;

« 4[e] Eviti finiĝojn de sufiksoj. »

Kontraŭe, Lingvo Internacia lasas tutan liberecon al la fantazio de la publiko :

Parolante pri la Universala Vortaro, ĝi diras : « Neniu en la mondo, nek ia komitato, nek Doktoro « Zamenhof mem, havas nun la rajton ĝin plenigi « aŭ ion ajn aldoni al ĝi... Nenia alia vortaro povus « esti oficiala kaj deviga » (L. I., 1907, p. 316).

Sed parolante pri evolucio natura, ĝi diras : « En via persona stilo ŝanĝu kaj pliboniqu kion vi « volas, kaj vi eble tiel estos helpanto de la natura « lingva evolucio. Eble la estontaj generacioj vin « nomos antaŭsentema geniulo, se viaj personaj kaj « privataj plibonigoj « sukcesos » kaj estos imitataj « de ĉiuj. Sed eble ankaŭ restos nur al vi la komp- « atinda nomo « malbona fuŝa verkanto » se viaj « personaj plibonaĵoj praktike montriĝos ne taŭgaj, « kaj se vi senfine restados ilia sola ŝatanto. » (L. I., 1908, p. 81).

S[ro] Corret kaj S[ro] Cart kiuj propagandas tiun kontraŭdiran teorion, netuŝebleco kaj evolucio, ne antaŭvidas la gravan danĝeron de tiaj provoj.

Sen akademio por direkti la laborojn de ĉiuj vortaraj fakoj, estus kaoso. Nia lingvo perdos sian unuecon, sian internan kaj logikan spiriton.

Ĉu ne estas pli *esperanta*, ke la novaj vortoj estu elektataj laŭ sama sistemo, sama didaktiko kiel estis elektitaj la vortoj de la « Universala Vortaro », tio estas laŭ la plej granda internacieco ? Tion ne povas fari la popolanoj nekompetentulaj. Nur la personoj, kiuj konas la lingvosciencon internacian, devas, je la nomo de ĉiuj diversnacianoj, plenigi nian internacian lingvon. Ju pli la vorto estos vere internacia, des pli nia lingvo unuece pliriĉiĝos. Supozite, ke anstataŭ 2600 radikojn, D[ro] Zamenhof estus elektinta 10.000, ĉu nia lingvo ne estus pli riĉa ?

Se do internacia akademio daŭrigus la unuan bonegan laboron, laŭ la sama sistemo, la sama didaktiko, mi opinias, ke ni pliboniqus nian interkomunikilon, gardante ĉiam nian unuecon, tio estas nia internacieco.

*Daŭrigota.* A. MICHAUX.

---

## PROGRAMO DE LA KVARA KONGRESO.

**Dresden 16an ĝis 22an de Aŭgusto 1908.**

*Sabato, 15a de Aŭgusto.*

Matene :

9 h. : malfermo de la akceptejo, malfermo de la ekspozicio; ambaŭ en «Technische Hochschule» (Supera teknika lernejo).

Preparaj kunvenoj de la Organiza Komitato kaj de la Lingva Komitato laŭ sciigoj de la komitatoj mem.

Vespere :

8 h. : Amika kunveno en la Dresden'a Grupo. — Muzikaĵoj kaj teatraĵoj.

*Dimanĉo, 16a de Aŭgusto.*

Matene : Diservoj.

10 h. : Luther'a Diservo en la « Kreuzkirche ». (Allmacht de Schubert, Largho de Händel).

11 1/2 h. : Katolika Diservo en « Katholische Hofkirche » (Solena Meso).

Posttagmeze :

1 h. : Tagmanĝo.

3 h. : Kunveno laŭ nacioj por elekti delegitojn, k.t.p. (Technische Hochschule).

4 h. : Amika kunveno en la « Gr. Reĝa Ĝardeno ».

Vespere :

8 h. : Internaciaj propagandaj paroladoj en Germana lingvo kaj en Esperanto. Specialaj esperantistaj aranĝoj en apudaj ĉambroj. (Lumbildoj, k. t. p. Gewerbehaus, Ostra-Allee.)

*Lundo, 17a de Aŭgusto.*

Matene :

Alveno de D[ro] Zamenhof, la eltrovinto de la Lingvo Internacia Esperanto.

10 1/2 h. (precize) : Oficiala malfermo de l' kongreso, salutoj dirataj de la ŝtataj kaj urbaj reprezent-

antoj. Parolado de D$^{ro}$ Zamenhof, sekvota de internaciaj salutoj de la delegitoj. (Vereinshaus, Zinzendorfstrasse.)

Posttagmeze :

1 h. : Tagmanĝo.
Poste fakaj kunsidoj (Technische Hochschule) kaj vizito de l' arta ekspozicio.

Vespere :

8 h. : Ĝardena festo en la arta ekspozicio.

*Mardo, 18ª de Aŭgusto.*

Matene :

9-11 h. : Unua agada kunsido en la « Aŭlo » de la « Technische Bochschule ». Por nepartoprenontoj vizito de l' vidindaĵoj de l' urbo, k. t. p.

Posttagmeze :

12-1 h. : Tagmanĝo.
1 h. 20 m. : Ekskurso al Meissen per vaporŝipo. Vizito de l' Kastelo de Albrecht kaj de la mondfama reĝa fabrikejo de porcelano.

Vespere :

Amika kunveno en la Geibelburg en Meissen. Ludado de « Internacia Komedio. ».
Reveno Dresdenon per specialaj vagonaroj.

*Merkredo, 19ª de Aŭgusto.*

Matene :

9-11 h. : Dua agada kunsido, poste fakaj kunvenoj.

Posttagmeze :

1 h. : Tagmanĝo.
Poste kunsidoj de fakaj sekcioj.

Vespere :

Laŭ aranĝo de speciala komitato.
1 h. : « Ifigenio en Taŭrido » de Goethe, tradukita en Esperanto de D$^{ro}$ Zamenhof, sub direktado de S$^{ro}$ Emanuelo Reicher, aktoro de la « Lessing-Theater » en Berlin. (Centraltheater, Waisenhausstrasse.)

Ifigenio. . F$^{ino}$ Hedwig Reicher
Toas. . . S$^{ro}$ Emanuel Reicher.
Oresto . . S$^{ro}$ Bruno Decarli.
Pilado . . S$^{ro}$ Kurt Stark.
Arkas . . S$^{ro}$ Oskar Fuchs.

Por nepartoprenontoj samtempe diversaj lokaj aranĝoj.

*Ĵaŭdo, 20ª de Aŭgusto.*

Libera tago.

Komuna Ekskurso per vaporŝipo en la Saksan Svisujon.
Fotografado de l' kongresanoj.
« Marktfest » (Historia foirfesto) en la urbo Wehlen.
Lumigado de l' montetoj dum la reveno.

*Vendredo, 21ª de Aŭgusto.*

Matene :

9-11 h. : Tria agada kunsido. Poste fakaj kunvenoj.

Posttagmeze :

1 h. : Tagmanĝo.
Fakaj kunvenoj kaj diversaj aranĝoj en la urbo.

Vespere :

8 h. : Koncerto kun afabla helpo de famaj membroj de la Dresdena Opero.
Poste : Balo kun naciaj kostumoj.

*Sabato, 22ª de Aŭgusto.*

Matene :

9-11 h. : Lasta ĝenerala kunveno kaj oficiala fermo de l' kongreso.

Posttagmeze :

1 h. : Tagmanĝo.
2 1/2-4 h. : Festo de la « Revuo ».

Vespere :

Diversaj aranĝoj laŭ speciala sciigo sur la nigra tabulo en la « Technische Hochschule ».

*Dimanĉo, 23ª de Aŭgusto.*

Vizito de la « Weisser Hirsch » apud Dresden kaj granda festo en la « Esperantista Vilaĝo ».

Ni memorigas al nia legantaro ke la IVª Kongreso en Dresdeno estas de nun plene organizita kaj anonciĝas kiel granda sukceso.

La partoprenantoj, kiuj sendos sian kotizon kaj firman aliĝon antaŭ la 15ª de Julio, ricevos senpage la Kongreslibron.

Ĉiun mendon, monon, sendu al D$^{ro}$ Arnhold, Dresden, Waisenhausstrasse, 20.

La Berlina Esperantista Grupo kore invitas la kongresanojn, partopreni al la postkongresaj festoj kiujn ĝi organizos en Berlin dum la 24ª. 25ª kaj 26ª Aŭgusto; adreso de la grupo : Ernst Collin, Leipziger str., 19, Berlin.

---

## PACAJ BATALANTOJ !

La « Saksa Esperantisto » alportas al ni sciigon, kiu estus ĝoja se ĝi ne montrus al ni la bedaŭrindan manieron, kiun elektis kelkaj samideanoj por altrudi sian opinion.

Ni esperas ke la « Esperantismo » kiun kelkaj tre fervoraj amikoj eltrovis en niaj ĉiujaraj kongresoj ne estas kaŭzo de tiu batalema situacio.

Io nesentebla kuras tra la Esperantistaro en niaj pacaj kongresoj, io nedifinita kaptas nin kaj alkondukos nin al universala frateco... Tre bone, ni bedaŭru ke iom da tiu nedifinebla premo ne kaptis la kuraĝajn muzikistojn kaj fraŭlinojn en Leipzig.

Muziko estas necesa, sed ne tro.

**13 LEIPZIGAJ ESPERANTISTOJ ANTAŬ LA TRIBUNALO.**

La « Ligo de Germanaj Esperantistoj » estas fondita la 15an de Oktobro 1907 ne por ataki aŭ kontraŭbatali la jam ekzistantan « Germana Esperantista Societo », sed por plirapidigi la propagandon kaj la venkon de Esperanto en Germanlando. Certe aprobinda entrepreno! Ne tiel pensas la prezidantaro de la G. E. S., kiu rigardas nian « L. d. G. E. » kiel nedeziritan konkuranton kaj sekve ĝi atakas nian L. d. G. E. aŭ ĝian Prezidanton en malama maniero. Mi jam kelkfoje raportis pri tio al niaj membroj kaj amikoj. Per tiaj atakoj oni penadas semi malamon kaj malamikecon kontraŭ nia L. d. G. E.

Je la 12a de Decembro 1907 nia Ligo komencis sub mia gvidado

novan senkostan kurson en Leipzig, kiu estis vizitita de ĉirkaŭ 40 personoj. Subite 10-12 esperantistoj, parte membroj de G. E. S., parte membroj de aliaj esperantistaj grupoj, kiuj ne apartenis al nia Ligo, enkuregis en nian ĉambron, bruegis kaj provis disigi nian kunvenon. Mi ordonis la neinvititajn personojn eliri el la ĉambro. Ĉar miaj paroloj ne havis sukceson mi sciigis la aferon al la kriminalpolico. Tiu ĉi ekzamenis kaj transprenis la aferon. Je la 12a de Februaro 1908 okazis la traktadon en la Leipziga skabena juĝejo. 13 personoj, inter ili du fraŭlinoj, estis kulpigitaj pro krimo kontraŭ la paragrafo 123a de la germana punleĝlibro. Alia sinjoro kaj mi estis invititaj kiel atestantoj.

La prokuroro petis la juĝistojn puni severe la kulpigitojn laŭ merito. Laŭ lia propono la juĝistoj kondamnis la muzikaĵvendejan helpanton Bernhard Kötz (nuntempe prezidanto de la Saksa Turinga Esperantista Ligo), la kontoriston Hermann Gelbe-Haussen, la privatulon Heyne, ties filinon Elisabeth, la kontoriston W. Radünzel, fraŭlinon Elze Baŭermann kaj du aliajn sinjorojn po unu semajno da malliberejo. — Ĉiuj punitaj loĝas en Leipzig.

## DOKUMENTOJ.

Ĉiutage ni ricevas aprobon de samideanoj pri la plena montro de la nuna lingva situacio ; kiel ni jam diris, la plimulto el la Esperantistoj estas « fideloj kaj fundamentistoj » laŭ la akceptita diro, ĉar ili ne scias eĉ la elementojn de la diskuto kaj ĉar oni zorge silentis, en la « fidelaj kaj fundamentistaj » ĵurnaloj ; tiamaniere la vereco al ili ne aperas.

Hodiaŭ ni reproduktas leteron de S^ro O.H.Mayer, niaj gelegantoj vidos ke la skribanto uzas reformitan lingvon :

*Chicago, Ill., U. S. A., 28a Majo 08.*

**Redaktistaro de « Belga Sonorilo »,**

Estimata Siori,

Me tre joyas saveskar ek la triesma numero (ricevita hodyie) di « *Progreso* » quale kurajoze e honeste vi traktas la reformal questiono, e me deziras abonar a vua prizata jurnalo dum un yaro. Me enklozas postmandato de 6 franki e restas.

Kun samideanal saluto,
O. H. Mayer,
Ex-konsilano American Esp°-Association.

---

En nia 81a numero (29a de Marto) ni enpresis deklaracion de la Societo « Esperanto » en Lwow (Leopolo). Kompreneble tiu sincera deklaracio ĝenis « la fidelulojn » kaj senprokraste ili tuj agadis por starigi kontraŭan rezolucion. Kiel ni vidis en Boulogne sur mer, la pacaj batalantoj — fundamentistoj kompreneble — organizis sisteme skismon ĉe la grupo kaj per diversaj rimedoj, kiujn ni volas nek ekzameni, nek kvalitigi, ili parte sukcesis.

La deklaracio de ni publikigita en nia 81a numero estis decido de la societo; ĝia tiama prezidanto, S^ro Reiner subsignis la dokumenton. La nova deklaracio estas subsignita de la nova komitato. Nia kunfrato « Pola Esperantisto » kiu silentis pri la unua deklaracio, kiu eble malplaĉis al ĝi, fiere reproduktas la novan rezolucion. Bela rolo ! Ĉar ni deziras montri al nia legantaro la veran situacion, ni ne silentas kaj malkaŝe ni enpresas ĉiujn interesplenajn dokumentojn, favorajn aŭ malfavorajn por la reformoj.

### Deklaracio de la Societo « Esperanto » en Lwów (Leopolo) Galicio-Austrujo.

La ĝenerala kunveno de la Societo « Esperanto » en Lwòw (Leopolo), okazinta la 9an de Majo 1908, decidis unuanime la sekvantan deklaracion.

Konsiderinte, ke la lingvo internacia Esperanto en ĝia nuna formo montriĝis plene taŭga por ĉiuspecaj internaciaj rilatoj, ke ĝi jam varbis tre grandan nombron da partianoj en ĉiuj civilizitaj landoj, kreis riĉan literaturon, turnis al si atenton de ĉiuj instruitaj homoj kaj eĉ de registaroj en kelkaj regnoj, ke ĝi fariĝis jam utila en multaj regionoj de internacia agado,

konsiderinte plue, ke tiujn ĉi sukcesojn la lingvo Esperanto ŝuldas grandaparte al la netuŝebleco de ĝia « Fundamento », sankciita per la decido de la kongreso esperantista en Boulogne-sur-Mer,

konsiderinte fine, ke tiu ĉi netuŝebleco ne malebligas iompost-iomam (*sic*) perfektigadon kaj disvolvon de la lingvo per vojo natura, kaj, ke subita, radikala ŝanĝo, altrudita arbitre de iu ajn, povus ne nur pereigi la sukcesojn, ĝis nun de Esperanto akiritajn, sed ankaŭ por longa tempo prokrasti venkon de la ideo mem de lingvo internacia,

la Societo « Espsranto » en Lwòw (Leopolo) deklaras resti fidela al la lingvo Esperanto en ĝia nuna formo kaj rifuzas ĉiujn reformojn, ne rekomendotajn de la Lingva Komitato kaj de la Majstro D^ro L. L. Zamenhof.

La Societo konstatas, ke la rezolucio publikigita en « Progreso », n° 1a de Marto 1908 (paĝo 24a) ne devenas de la Societo « Esperanto » en Leopolo, kiel erare en la titolo de tiu ĉi rezolucio estis komprenigita, sed nur de kelkaj anoj de la Societo, kunvenintaj tute private la 5an de Februaro 1908 kaj priparolintaj la aferon de la reformoj laŭ malbonaj kaj partiaj informoj.

La Societo « Esperanto » en Lwòw (Leopolo) apelacias al la lojaleco de la redakcio de « Progreso » kaj postulas, ke ĝi enpresigu en plej proksima numero tiun ĉi deklaracion.

Samtempe ĉiuj ĵurnaloj esperantaj estas petataj publikigi ĉi suprajn decidojn kaj klarigojn.

*Sekretariino,* Fr. Bohin.

*Prezidanto,* D^ro Stanislaw Skalkowski.

---

## BOULOGNE S/MER.

Le groupe de Boulogne vient de distribuer le vœu émis par son Comité et que nous avons reproduit. Nous donnons ci-après le texte de la lettre accompagnant le vœu. Un certain nombre de membres du groupe, mécontents, se sont séparés, de leurs amis et ont décidé la fondation d'un groupe dissident qui appuiera la campagne dirigée par les réactionnaires parisiens. La belle union, rêvée par Zamenhof et par tous les Espérantistes sincères, est à-vau-l'eau à Boulogne; la « fundamentistoj » ont provoqué la désunion, il est utile de le faire remarquer car si un schisme vient à se préciser, il sera intéressant de rechercher qui l'aura provoqué et par quelles manœuvres. Nos vaillants amis Michaux, Duchochois, Comte et Derveaux, organisateurs du 1er Congrès, restent à la tête du groupe de Boulogne.

Voici le texte précédant la résolution du Comité que nous avons publiée dans notre numéro 86. (24 mai).

Le Comité du Groupe Espérantiste de Boulogne-sur-Mer tient à vous faire connaître son opinion sur une question qui agite depuis quelque temps le monde espérantiste, à savoir la question des réformes en Esperanto.

Il pense tout d'abord que les groupes espérantistes devraient, en principe, s'abstenir de toute discussion linguistique et consacrer toutes leurs forces à la *propagande de l'Esperanto tel*

